# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
12-a jaro N-ro 1 (44) aprilo 2013

- Du landaj asocioj havas respondeculojn pri ĝemelaj urboj
- La respondecoj de  La laborgrupo de la projekto Ĝemelaj Urboj
- Laborplano de la projekto en 2013
- Faroj de s-ro Henri Masson al ĝemeliĝo
- Mi havis ŝancon paroli pro vizito de esperantistoj el ĝemelaj urboj
- Letero de esperantisto el Vjetnamio al la urbestro de Choisy-le-Roi
- La projekto serĉas membrojn en Ameriko, la araba mondo kaj Oceanio

**Enhavo**

1…Du landaj asocioj havas respondeculojn pri ĝemelaj urboj
1…Letero de la komisiito al respondeculoj de landaj asocioj
1…La respondecoj de la laborgrupo de la projekto Ĝemelaj Urboj
3…Laborplano de la projekto en 2013
4…Sinprezento de respondeculoj de LA en Pakistano kaj Nederlando
4…Faroj de s-ro Henri Masson al ĝemeliĝo
4…Bulteno de Albana Esperanto-Instituto prezentas nian bultenon
5…Kondolencojn al Boriša Milićević
5…La urbestro ĉeestis al la inaŭgura ceremonio de la nova Esperanto-placo
5…Speciala subteno el vic-urbestro
6…Rejkjaviko, kongresurbo de la 98-a UK
7…Novjaraj bondeziroj el ĝemelaj urboj
7…Mi havis ŝancon paroli pro vizito de esperantistoj el ĝemelaj urboj
8…Mesaĝoj el la ĝemelaj urboj al la Virina Tago
8…Letero de esperantisto el Vjetnamio al la urbestro de Choisy-le-Roi
10…Unua ĝemeliĝo de ĉina kaj korea supermezlernejoj
10…La projekto serĉas membrojn en Ameriko, la araba mondo kaj Oceanio
10…Shenyang Ampleksa Ligita Zono volas ĝemeliĝi
Kovrilfoto: Sabine Hauge

## Funkciuloj de la projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Probal Dasgupta, prezidanto de UEA
S-ino Maritza Gutiérrez González, estraranino de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro Wu Guojiang, komisiito de la projekto

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de

NOVAĴO

### Du landaj asocioj havas respondeculojn pri ĝemelaj urboj

Reage al la decido de UEA pri respondeculoj de LA-oj kunlaboraj kun la projekto Ĝemelaj Urboj, Esperanto Nederland kaj Pakistana Esperanto-Asocio respektive trovis respondeculojn, ili estas s-ro Pieter Engwirda kaj s-ro Jawaid Eahsan, i.a. Esperanto Nederland decidas ke la respondeculo povas ĉeesti kunsidon de la estraro.

Antaŭ tiu decido en Sveda Esperanto Federacio kaj Vjetnama Esperanto-Asocio ekzistas homoj kiuj respondecas pri tiu kampo. Ili estas s-ino Kaisa Hansen kaj s-ro Nguyen Xuan Thu. La projekto alte taksas kaj dankas la kvar landajn asociojn pro ilia klarvida konsidero.

### Letero de la komisiito al respondeculoj de landaj asocioj

Estimataj respondeculoj de landaj asocioj,

Ni jam eniras en decembron, la lasta monato de la kuranta jaro. Estas tempo por resumi la laborojn en la pasonta jaro kaj ellabori planon por la venonta jaro.

En la hanoja kongreso la komitato de UEA faris decidon: instigi la LA-ojn trovi respondeculojn pri kunlaboro kun la projekto Ĝemelaj Urboj. Tio ne nur estas granda kuraĝigo por mi, sed alta takso por la laboro de la projekto. Ĉi tie mi kore dankas la komitaton. Mi devas plie danki niajn esperantistojn, estas iliaj aktivaj kaj efikaj agadoj kiuj gajnas grandan atenton kaj fortan subtenon de la komitato al la projekto.

Aliaflanke la decido ankaŭ sufiĉe montras ke la komitato tre emfazas la gravan rolon de LA-oj en tiu ĉi laboro kaj havas grandan esperon al ili, mi pensas. Kiel komisiito de la projekto mi bezonas helpon el vi, la projekto bezonas subtenon el vi.

Mi devas diri al vi, ke LA-oj en Svedio kaj Vjetnamio jam havas respondeculojn, antaŭ nelonge LA-o en Pakistano ankaŭ trovis respondeculon tiucele.

Tial ĉi-momente mi sincere invitas vin konsideri la decidon en la venonta laborplano de via asocio, kaj kredas, ke pro kunlaboro kun vi la projekto firme marŝos, ke pro kunlaboro kun vi la projekto havos pligrandan progreson. Alvenos nova jaro, mi anticipe bondeziras al vi kaj viaj familianoj:

Gajan Kristnaskon!

Feliĉan novan jaron por 2013.

### La respondecoj de la laborgrupo de la projekto Ĝemelaj Urboj

**Neceseco**

Frue en "Jara Raporto de la projekto en 2008" la komisiito havis tian konsideron je ĝia organiza strukturo. Tiam estis tiel skribite: La nuna strukturo ne kongruas kun la evoluo de la projekto, kaj necesas, ke stariĝu enkadre de UEA speciala komisiono kiu povas tutflanke gvidi kaj plifaciligi ĝian laboron, precipe en kunlaboro kaj interkomunikado kun neesperantistaj landaj kaj internaciaj organizaĵoj, kiuj enhavas la samajn celojn. Nun tiu

neceso estas pli evidenta kaj pli grava. En la nova laborplano de la projekto li ankoraŭfoje menciis tion. Alia faktoro ankaŭ estas konsiderenda: la komisiito de la projekto ne povas ofte partopreni ĉiun UK pro ekonomia kondiĉo kaj prezidi ĉiun kunvenon de Ĝemelaj Urboj. El ĝenerala situacio la projekto bezonas laborgrupon antaŭ fondiĝo de la komisiono. La komisiito speciale verkis la respondecojn de la onta laborgrupo.

**La grupo kaj la funkciuloj**

La grupo akceptas gvidon de la funkciuloj de la projekto kaj laboras kune kun ili.

**Celoj**

La bazaj celoj de la grupo estas disvastigi Esperanton en ĝemelaj urboj, per Esperanto akceli interurban ĝemeliĝon, konkretigi la projekton en la Esperanto-agadoj kaj vere konstrui videblan ponton por plifaciligi interfluon inter urboj, precipe inter ĝemelaj urboj.

**Rajtoj**

Komisiite de la funkciuloj membroj de la grupo havas rajtojn reprezenti la projekton

- ĉeesti al internaciaj aranĝoj en kaj ekster la Esperanto-komunumo
- prezidi la kunvenon dum UK
- subskribi dokumentojn kun kunlaboraj grupoj

**Devoj kaj taskoj**

La membroj de la la grupo devas plenumi jenajn devojn kaj taskojn:

- disvastigi kaj helpe funkciigi Esperanto-kursojn en ĝemelaj urboj
- utiligi Esperanton en la konkretaj aferoj pri ĝemelaj urboj, ekz. intervizito de diversaj rondoj
- partopreni en ellaborado kaj praktikado de la laborplano de la projekto
- serĉi kunlaborantojn aŭ partnerojn por la projekto
- laŭeble partopreni en Esperanto-aranĝoj de la regiono, ekz. kongresoj de kontinento aŭ translandoj, kaj aktive proponi kaj organizi la kunsidon de Ĝemelaj urboj en ili.
- informi kaj raporti pri agadoj koncernaj al Esperanto kaj ĝemelaj urboj en la Esperantaj kaj neesperantaj gazetaroj, ekz. proponi aldonon, suplementon aŭ kompletigon de priaj enhavoj en la interreto, starigi priajn paĝojn en retejoj kaj rubrikojn en gazetoj, kaj verki artikolojn por radio kaj televido ktp.
- instigi lokajn esperantistojn partopreni en la agado de la projekto kaj lokajn Esperanto-organizaĵojn preni la projekton kiel unu el la laboroj.
- establi efikan laborreton, serĉi kaj krei eblecon por ĝemeliĝo de diversaj instancoj, ekz. inter lernejoj kiuj enkondukas Esperanton.
- teni stabilan kontakton kun la lokaj Esperanto-organizaĵoj kaj akceli kaj profundigi ilian

rilaton kaj kunlaboron kun la urbaj aŭtoritatoj.

**Konsisto de la laborgrupo**

La laborgrupo devas esti reprezenteca en regiono, almenaŭ po unu membro ekzistas en Afriko, Ameriko, Azio, Eŭropo, Oceanio kaj la araba mondo. Principe la grupo ne superas 7 homojn.

Se la membroj ne aktivas en lokaj Esperanto-organizaĵoj, ili ne povas kontakti praktikajn situaciojn kaj havi spertojn trakti aferojn, do, la membroj nepre almenaŭ aliĝas al unu el la lokaj Esperanto-organizaĵoj kaj ludas certan rolon en ĝi.

**Aliaj**

La membroj de la laborgrupo kaj iliaj biografietoj estas oficiale publikigitaj en la bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj.

Post diskuto la teksto estas kopiota al la eksaj funkciuloj por eventualaj helpo kaj proponoj, ekz. pri rekomendo de la membroj de la grupo.

**Notoj**

Tiu ĉi dokumento estis sendita al aliaj funkciuloj s-ro Probal Dasgupta, s-ino Maritza Gutiérrez González kaj s-ro Osmo Buller en la 3-a de oktobro 2012, kaj diskutita inter la komisiito kaj la kunlaboremuloj s-ro Hori Yasuo, s-ro Luigi Fraccaroli, s-ro Hasano Ntahonsigaye en marto de 2013. La 1-a de aprilo 2013 s-ro Probal Dasgupta reviziis tiun ĉi diskutitan dokumenton.

## Laborplano de la projekto en 2013

Krom redaktado kaj dissendo de kvar numeroj de la reta bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj, jen konsideroj al la ĉi-jara laboro.

- daŭre okazigi la kunvenon de Ĝemelaj Urboj dum la 98-a UK kaj partopreni en la Movada Foiro
- daŭre instigi LA serĉi respondeculojn pri ĝemelurboj
- inviti kelkajn urbestrojn kiel konsilantojn de la projekto konsiderinte ke pli kaj pli multaj urbestroj atentas pri Esperanto kaj ĝia rolo en ĝemelaj urboj
- enketi kaj kontakti internaciajn organizaĵojn, kiuj havas la samajn celojn, por eventuala kunlaboro
- serĉi kaj elekti membrojn de la laborgupo el Ameriko, Oceanio kaj la araba mondo
- daŭre serĉi partneron konstrui la plej ekonomian retejon pri la projekto Ĝemelaj Urboj
- laŭeble partopreni en kelkaj influaj E-aranĝoj kies programo havas aktivecojn de ĝemelaj urboj

**Sinprezento de respondeculoj de LA en Pakistano kaj Nederlando**



**Jawaid Eahsan** naskiĝis en 1963 en Pakistano. Li estis subsekretario de Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA) en 2001-2002, ĝenerala sekretario de PakEsA en 2003-2004 kaj 2005-2006, kaj nun estas ĝenerala sekretario de Multana Esperanto-Rondo (MER) kaj delegito de UEA. En 2006 li tradukis en la lingvon Urdu "Leteron al Urbestroj" de la funkciuloj, ĝi denove baldaŭ aperos en iu taga ĵurnalo. Krome antaŭ praktika komenco de la projekto, oni tradukos la artikolon "La projekto Ĝemelaj Urboj 10-jariĝis" aperinta en la aprila numero Esperanto de UEA en 2012. Oni kontaktas lin per poŝt-adreso: P.O.Kesto/Box 26, PK-60000, Multan, Pakistano kaj per ret-adreso: saluton123@yahoo.com



**Pieter Engwirda**, inĝeniero, naskiĝis en 1941 en Nederlando, li esperantistiĝis en 2003. Li kolektis liston de ĝemelaj urboj de Nederlandaj komunumoj kaj klopodas labori kun esperantistoj por plenigi la paĝojn de Vikipedio pri ĝemelaj urboj, i.a. li kontaktis la usonan organizaĵon Sister Cities International (Fratinaj Urboj Internaciaj) tiucele. Li multfoje partoprenis en la kunveno de Ĝemelaj Urboj okazintaj en la UK-oj. Li estas kontaktebla ĉe pieter.engwirda@gmail.com

**Faroj de s-ro Henri Masson al ĝemeliĝo**

De multaj jaroj s-ro Henri Masson el Francio persistas en dulingva dissendo de diversaj informoj pri Esperanto, t.e. li unue kolektas kaj prilaboras informojn, poste tradukas ilin en la francan lingvon, laste dissendas ilin al tiuj esperantistoj aŭ Esperanto-organizaĵoj. En la 6-a de januaro kaj la 8-a de februaro 2013 li aranĝis specialajn dissendojn pri ĝemelĝo. El tiuj dissendoj oni estis informita pri n-ro 43 Informilo de Ĝemelaj Urboj, graveco de Esperanto en lerno de aliaj lingvoj kaj kompreniĝo inter civitanoj en ĝemelaj urboj tra spertoj de erudiciuloj kaj fakuloj (Georges Kersaudy, Maxime Rodinson, Paul Ariste, Douglas Bartlett Gregor kaj Géza Bárczi) kaj ekzemploj, prezento de Claude Gacond pri ĝemeliĝo de urboj kaj vilaĝoj, ĝemeliĝo inter la franca pluezeka Esperanto-Asocio kaj Nepala Esperanta-Asocio, inter la Zaozhuang-a Universitato (Ĉinio) kaj la Korea Universitato de Fremdaj Studoj (Suda Koreio) tra Esperanto kaj inter la supermezlernejo Wonkyung de Hapchon en provinco de Kyungnam en suda Koreio kaj la supermezlernejo Tianjiabing de Baotou en Interna Mongolio en Ĉinio, kaj skizo de Mireille Grosjean (Svislando) pri ĝemeliĝo inter urboj rilate al Hans-Christian Andersen kiel la dana Odense (kie li naskiĝis), la svislanda Le Locle (kie li vivis kaj verkis) kaj la japana Funabashi (kie estas Andersen-parko).

**Bulteno de Albana Esperanto-Instituto prezentas nian bultenon**

N-ro 105 Bulteno de Albana Esperanto-Instituto aperinta en februaro 2013, kiun redaktas s-ro Bardhyl Selimi, detale prezentis n-ron 43 Informilo de Ĝemelaj Urboj.

Kondolencojn al Boriša Milićević

La 2-an de februaro 2013 forpasis s-ro Boriša Milićević, multjara direktoro de Esperanto-Instituto de Serbia Esperanto-Ligo kaj kunfondinto de la Studenta Esperanto-Klubo en Beograd.

S-ro Boriša Milićević naskiĝis la 14-an de oktobro 1931 kaj esperantistiĝis en la jaro 1953 kiel studento en Beogrado. Li estis ĝenerala sekretario de Tejo (1955-56), A-komitatano de UEA el JEL (1977-1979, 1983-1986, 1992) kaj UEA-delegito en Novi Sad.

S-ro Boriša Milićević tre atentis pri la projekto Ĝemelaj Urboj, kaj aktive konsideris ĝin en la lokaj Esperanto-laboroj. Frue en 2006 li skribis al mi tiel: “Estimata s-ano Wu Guojiang, Kiel organiza parto de Serbia Esperanto-Ligo, ekzistas Esperanto-Instituto kun siaj kvar Sekcioj: pri Interlingvistiko, Instruado, Esperanta literaturo kaj Esperanto-movado. Mi klopodos informiĝi en Protokol-Servo de la urbo Novi Sad (ĉefurbo de Aŭtonoma Provinco Vojvodino kadre de la ŝtato - Respubliko Serbio) kun kiuj urboj en la mondo estas ĝi ĝemeliĝinta por provi establi ankaŭ E-kunlaboron.”

La projekto perdis entuziasmajn subtenanton kaj praktikanton. Mi esprimas kondolencojn al Boriša Milićević kaj lia familio.

La komisiito

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

### La urbestro ĉeestis al la inaŭgura ceremonio de la nova Esperanto-placo




La 15-an de decembro 2012 matene okazis la inaŭgura ceremonio de la Esperanto-placo fronte al la stacidomo de la franca urbo Choisy-le-Roi kun 50 personoj. Ĝin ĉeestis la urbestro Daniel Davisse, la unua vic-urbestro Jean-Joël Lemarchand, kaj la prezidantino de Franca Fervojista Asocio Sylviane Lafargue. S-ro Louis Zaleski-Zamenhof, la nepo de la kreinto de Esperanto, faris malferman paroladon antaŭ la inaŭguro. Sur tiu sama placo, jam estis inaŭgurita busto de Zamenhof en 1987. Posttagemeze okazis la tradicia Zamenhof-festo.(teksto kaj foto: Raymonde Conquisart)

El Esperanto, 2013, n-ro 3

### Speciala subteno el vic-urbestro

Sinjoro Meissa Beye, emerita eduka inspektoro kaj vicurbestro de Rufisko, Senegalio, laboris ĉe UNESCO de 1981 ĝis 1986 kiel fakulo kaj konsilanto. Sabate la 29an de decembro 2012 li prokrastis gravan rendevuon ĉe televido en Dakaro por partopreni la solenan inaŭguron de la sesio en Rufisko, Senegalio, organizita de Senegala Esperanto Asocio, de “Scio Sen Bariloj” kaj gvidata de Mireille Grosjean.

Sinjoro Beye klarigis, ke li partoprenis la momenton de la dua rezolucio de UNESCO favore al Esperanto en Bulgario en la jaro 1985. Li diris, ke li ne rekte verkis ĝin aŭ

kontribuis al tiu subtena oficiala paŝo, tamen li sekvis la tutan aferon kaj kompreneble rilatis kun Tibor Sekelj, kiu antaŭe kaj surloke agadis efike celante al akcepto de tiu rezolucio. Pro tio sinjoro Beye bonege konas Esperanton kaj ĝojis ĉeesti gravan eventon en sia urbo. Parolante pri Esperanto li nomis ĝin "ponto de espero kaj de humaneco" kaj "lingvo de lumo". Li lanĉis la ideon, ke diversaj verkoj de la senegala literaturo estu tradukotaj al Esperanto. Informita pri la Afrika Kongreso de Esperanto fine de 2013 li publike anoncis, ke la urbo Rufisko subtenos la partoprenon de kelkaj rufiskanoj en tiu internacia evento en Kotonuo, Benino.

El raporto de Mirejo Grosjean

## Urba stilo kaj trajto

**Rejkjaviko, kongresurbo de la 98-a UK**

**Urba historio**



Kun 119 848 loĝantoj Rejkjaviko estas la ĉefurbo kaj la plej granda havena urbo de Islando, ankaŭ nomiĝas la plej norda ĉefurbo pro ĝia norda latitudo ĉe 64°08' tuj apud la arkta cirklo. Spite al tio la tiea temparaturo ne estas tre malalta pro varma akvo de la golfa rivereto. Pro tio la nomo de la urbo signifas fumanta golfeto. Kvankam ĝi estis fondita en la fino de la 9-a jarcento, ĝi havas la rangon de urbo nur ekde 1786. Nuntempe Rejkjaviko estas la industria, komerca, scienca kaj kultura centro de la lando, ankaŭ unu el la plej riĉaj urboj en la mondo. Tieaj industrioj, kiuj ĉefe konsistas el prilaboro de fiŝoj, prilaboro de manĝaĵoj, ŝipkonstruo, tekstilo ktp., okupas duonon de la landaj industrioj. Tie troviĝas la plej antikva konstruaĵo, nome Domego de la islanda parlamento, kaj la plej granda universitato de la lando, nome Universitato de Islando. La nuna urbestro estas s-ro Jón Gnarr.

**Esperanto-movado**




Pri la tiea Esperanto-movado oni nepre mencias la islandan ekonomikiston Þorsteinn Þorsteinsson (1880-1979). 12 jarojn post la apero de Esperanto, nome en 1899, li fariĝis esperantisto kaj komencis la tiean movadon, Li konatiĝis kun L.L. Zamenhof en la kembriĝa 3-a Universala Kongreso (UK) de 1907. Li estis korifeo de la Esperanto-Movado ne nur en Rejkjaviko, sed en Islando. Tie aperis la unua islanda esperantista societo, kiun Þorsteinn Þorsteinsson prezidis en 1927, kaj nun ankaŭ sidejo de la Islanda Esperanto-Asocio (IEA). S-ro Baldur Ragnarsson devas esti unu el reprezentantoj de la nuna movado en Rejkjaviko kaj en la lando. Li faris grandan kontribuon al la Esperanto-literaturo, Esperantlingva Verkista Asocio elektis lin kiel kandidaton por

Nobel-premio pri literaturo. Ankaŭ indas mencii ke lia filo Ragnar Baldursson ne nur estas elstara diplomato, sed ankaŭ estas sperta esperantisto. En 1977 Rejkjaviko gastigis la 62-an UK. En 2013 UK alvenos la duan fojon, nome la 98-a UK.

**Ĝemelaj urboj**

Rejkjaviko oficiale ĝemeliĝas kun Bakuo (Azerbajĝano), La Paz (Bolivio), Kingston upon Hull (Britio), Kopenhago (Danio), Torshaveno (Feroio), Helsinko (Finnlando), Nuuk (Gronlando), Winnipeg (Kanado), Vilno (Litovio), Strumica (Makedonio), Zevenaar (Nederlando), Oslo (Norvegio), Moskvo kaj Sankt-Petersburg (Rusio), Stokholmo (Svedio), Seattle (Usono) kaj Karakaso (Venezuelo).

## Inter ĝemelaj urboj

**Novjaraj bondeziroj el ĝemelaj urboj**

La novjarajn kartojn por 2013 Tianjin-a Esperanto-Asocio de Ĉinio ricevis el la Esperanto-organizaĵoj en siaj ĝemelaj urboj Lodzo (Pollando), Melbourne (Aŭstralio), Inchon (suda Koreio) kaj Kobe (Japanio). Ili komune bondeziras al la asocio pli grandan rikolton en 2013.

El Bulteno de Tianjin-a Esperanto-Asocio, 2013, n-ro1

**Mi havis ŝancon paroli pro vizito de esperantistoj el ĝemelaj urboj**



Dum la lasta semajno de februaro 2013 40 vizitantoj el la franca ĝemelurbo Hennebont gastis ĉe la germana urbo Kronach, inter ili du membroj de la tiea Esperanto-klubo. Laŭpete de Alain Coudé el Hennebont, ne-esperantisto, ĉefa organizanto de la kontaktoj inter Hennebont kaj Kronach mi havis honoron kaj ŝancon dum la oficiala akcepto en nia urbodomo paroli pri Esperanto kaj ties valoro por la interurbaj kontaktoj.

La 1-an de marto la gastoj kadre de komuna franc-germana vespero ankaŭ partoprenis la inaŭguron de memortabulo por la iama franca ŝtatprezidento Charles de Gaulle, kiu dum la unua mondmilito kiel juna oficiro estis kaptita sur nia kronach-a fortreso. La foto montras tion. De maldekstre dekstren: Armin Grötzner (gvidanto de la Esperanto-grupo en la Popola Altlernejo de Kronach), Yvette Veslin (estro de la Esperanto-klubo de Hennebont), Suzanne Mariette (membro de la Esperanto-klubo en Hennebont), Michelle Coudé (el Hennebont, ne-esperantistino), Brunhilde Lorenz (membro de la Esperanto-grupo en Kronaĥ kaj ĉefa interpretistino inter la germanoj kaj la ties francaj vizitantoj) kaj Alain Coudé.

Armin Grötzne

## Mesaĝoj el la ĝemelaj urboj al la Virina Tago



Hiroŝima Esperanto-Centro(HEC), kiel unu el 23 virinaj organizoj de la plenuma komitato, partoprenis kaj organizis Internacian Virinan Tagon de Hirosima en Japanio per ekspozicio de mesaĝoj el esperantistoj. Ĉi-jare la ekspozicio montris sume 223 mesaĝojn el 57 landoj, i.a. mesaĝoj el la ĝemelaj urboj Montreal en Kanado kaj Hannover en Germanio. La 3-an de marto okazis la kunveno por la Virina Tago, kun 139 partoprenantoj. Unue s-ino OSIOKA Taeko el HEC, vicprezidanto de la plenuma komitato, salutis kaj voĉlegis mesaĝon de KEVA(Konga Esperanta Virina Asocio), poste sub la temo "Feliĉo de Virinoj" prof. TURU Tamiko ankaŭ unue menciis tiel ke "Laŭdinda estas la mesaĝo de KEVA transdonita per Esperanto." La foto montras s-inon Osioka Taeko en la kunveno.

## Letero de esperantisto el Vjetnamio al urbestro de Choisy-le-Roi

Hanojo, la 17an de marto 2013

Estimata Sinjoro Urbestro,

Okaze de la 40-a datreveno de la subskribo de la Interkonsento de Parizo en 1973 ĉesiganta la militon en Vjetnamio, en la nomo de la esperantistoj de Dong Da-distrikto, mi deziras sendi miajn salutojn kaj esprimas nian profundan dankon pro la grandega helpo kaj apogo fare de la aŭtoritatoj kaj la popolo de Choisy-le-Roi favore al Vjetnamio dum la longaj jaroj de la Pariza konferenco alportante al la vjetnama popolo pacon kaj nacian reunuiĝon.

Ĝemeliĝo inter Dong Da kaj Choisy-le-Roi ekzistas de longa tempo kaj alportis multajn praktikajn efektojn por plibonigi solidarecon kaj kunlaboradon inter la du popoloj ĝenerale kaj inter loĝantoj de la du komunumoj aparte. En 2012, lernantoj en Hanojo kaj Choisy-le-Roi renkontiĝis por praktiki la francan kaj la vjetnaman. Vjetnamaj esperantistoj ankaŭ havis la ŝancon gastigi siajn samideanojn el Choisy-le-Roi, kaj ni regule interŝanĝas informojn, dokumentojn kaj revuojn. La 18 an de majo 2012, esperantistoj de Dong Da organizis kunvenon por validigi sian ĝemeliĝon kun siaj kolegoj en Choisy-le-Roi, tiel plifortigante la ligojn de amikeco inter la du popoloj.

Ni estis informitaj, ke Choisy-le-Roi decidis elekti 2013 kiel la "Jaro de la Vjetnama" . Temas pri grava elekto por la 40-a datreveno de la Parizaj Interkonsentoj. Flanke de esperantistoj de Dong Da, ni ankaŭ provos labori por la unueco kaj kunlaboro inter la du organizoj per konkretaj agoj.

En la lastaj semajnoj, ni sekvis la preparojn faritajn de la radio kaj televido vjetnamaj por festi tiun gravan eventon. Ni kredas, ke estas same en Francio. Ni esperas ke la urbo de Choisy-le-Roi fariĝu pli kaj pli prospera. Vivu la amikeco inter Choisy-le-Roi kaj Dong Da.

Bonvolu akcepti, Sinjoro Urbestro, mian sinceran saluton.

Nguyen Xuan Thu

## Aliaj ĝemeliĝoj

**Unua ĝemeliĝo de ĉina kaj korea supermezlernejoj**



Ofte internacie ĝemeliĝas urboj, universitatoj, asocioj, kluboj kaj similaj. Tia fenomeno ne mankas ankaŭ en Esperantujo. Tamen unuafoje en Koreio okazis ĝemeliĝo de du lernejoj pere de Esperanto. El la du lernejoj unu estas la supermezlernejo Tianjiabing de Baotou en Interna Mongolio, aŭtonoma regiono de la Ĉina Popola Respubliko kaj la alia estas la supermezlernejo Wonkyung de Kyungsangnamdo en la Korea Respubliko. Ĉefaj motoroj de la ĝemeliĝo estis LIU Baoguo (Ĉinio) kaj HAN Sook-hee (Koreio), kiuj instruas Esperanton en sia respektiva lernejo. Ili konatiĝis unue per retbabilejo kaj priparolis eventualan ĝemeliĝon, renkontiĝinte en la en la 45a Konferenco de ILEI en Kunming, Ĉinio. Ili evoluigis la aferon.

En la 24a de januaro 2013 Ma Xin, vicdirektoro de la ĉina lernejo kaj Park Young Hoon, direktoro de la korea lernejo, subskribis la oficialan ĝemeliĝan interkonsenton en la sporta halo de la supermezlernejo Wonkyung. La foto montras tiu okazon. Ĝi estas unu el la fruktoj de la 3a ILEI-Seminario de Orienta Azio (ISOA) okazinta inter la 21-a kaj 24-a de januaro 2013. (teksto kaj foto: Choe Taesok)

El la retejo http://esperanto.chojus.com

## Anonco

**La projekto serĉas membrojn en Ameriko, la araba mondo kaj Oceanio**

Por kompletigi la ontan laborgrupon de la projekto Ĝemelaj Urboj bezonatas membroj en Ameriko, la araba mondo kaj Oceanio. La projekto bonvenigas tiujn, kiuj volonte kontribuas al Apliko de Esperanto en agado de ĝemelaj urboj, eniri en la laborgrupon.

La komisiito

**Shenyang Ampleksa Ligita Zono volas ĝemeliĝi**

La 18-a de aprilo 2013 Liaoning-provinca Esperanto-Asocio de Ĉinio (LEA) kaj Shenyang Ampleksa Ligita Zono de Ĉinio (SALZ) atingis unuan intencon: SALZ tra Esperanto volas ĝemeliĝi kun urboj en la mondo kaj surbaze de tio fondi partnerajn rilatojn por ekomomia evoluo de ambaŭ flankoj.

La komisiito